# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.— sv. fk.

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 10 abonoj po 1.20 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.10 sv. fk.

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,20 sv. fk., 5 ekz de unu numero po 0.15 sv. fk., 10 ekz. po 0.12 sv. fk., 25 ekz. po 0.11 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 5.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Adreso:**

**Heroldo de Esperanto**

**Horrem bei Köln (Germanujo)**

Fako: **Verda Stelo.**

**Redaktoro:** Teo Jung.

**Poŝtĉekaj kontoj:**

Germanujo: Köln 75102 Heroldo de Esperanto, Horrem.

Danujo 4962, Heroldo de Esperanto, Horrem (Germanujo)

**Diverslandajn valutojn**
**ni akceptas je sekvanta kurzo:**

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo, 0.16 braz. milr., 3 bulg. levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12½ hisp. peseto, 0.12 pengo, 0.35 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto aŭ sveda krono. Rusoj pagu al la agentejo de Heroldo: Geo. Teterin, Fontanka 21, kv. 7, Leningrad, laŭ kurzo: 0.10 sv. fk. = 0.04 or-rubl. kaj 20% por perado.

N-ro 6 | junio | 1927

# Esperanto progresas.

## Esperanto.

**Juĝoj de universitataj lingvo-profesoroj pri internacia lingvo.**

La demando prezentiĝas: Ĉu principa diferenco ekzistas inter la artefaritaj lingvoj kaj la ceteraj. Mi neas ĝin. Mi ne komprenas, kial ne el iu ajn materio, laŭ arbitra metodo, nova lingvo povus esti kreata kaj en malmultaj generacioj esti fiksata . . .

Mondlingvo estas nepre konforma al niaj praktikaj bezonoj. Ĝi aspektas kiel la kompletigo, la krono de niaj internaciaj aranĝoj.

**Hugo Schuchardt,** Graz.

———

Estus feliĉo, se la popoloj havus komunan helplingvon; sed ĝi devas esti artefarita, ĉar oni ne povas uzi la naciajn idiomojn.

**Rasmus Kristian Rask,** Köbenhavn.

———

Artefarita mondlingvo estas certe efektivigebla; mi reliefigas, ke tia estas multe pli laŭregula, perfekta kaj pli facile ellernebla ol iu el la kutimaj idiomoj homaraj. Rilate al tio mi devas doni al Esperanto la unuan rangon.

**Max Müller,** Oxford.

———

Esperanto estas idiomo, propradire principe tiom artefarita, kiom artefaritaj estas ankaŭ la diversaj **literaturaj** lingvoj, kiuj (kiel ekzemple ankaŭ la bulgara literatura lingvo) staras sufiĉe malproksime de la vivantaj popolaj dialektoj.

**Ivan Šišmanov,** Sofia.

———

Kiel filologo mi admiras la strukturon de Esperanto.

**Gilbert Murray,** Oxford.

———

Mi skribis jam kelfoje en Esperanto, kaj nome je prozo kaj versoj, kaj mi povas atesti, ke mi trovas la lingvon taŭga por ĉiu celo.

**Roman Brandt,** Moskva.

## English.

**Opinions of University Language-Professors about an International Language.**

The question that presents itself is: whether in principle there is any difference between an artificial and any other natural language. I say no. I do not see why from any kind of material, by some arbitrary method, a new language could not be created and firmly established in a few generations . . .

A world language is quite in conformity with our practical needs. It would appear to be a compliment, a crown to our international arrangements.

**Hugo Schuchardt,** Graz.

———

It would be a boom, if the people had a common help-language; but it must be artificial, because one could not use for this purpose the national idioms.

**Rasmus Kristian Rask,** Kobenhaven.

———

An artificial world-language is certainly attainable; more so because such a language is much more regular, perfect and more easily learned than any other human idiom. In connection with this I must place Esperanto in the front rank.

**Max Muller,** Oxford.

———

Esperanto is an idiom, in itself and in principle as much artificial, as are the various **literary** languages, which (as for instance the Bulgarian literary language) stands sufficiently far from the living dialects of the people.

**Ivan Šišmanov,** Sofia.

———

As a Philologist I admire the structure of Esperanto.

**Gilbert Murray,** Oxford.

———

I wrote several times in Esperanto, prose and verse, and I am able to state, that I find the language suitable for that purpose.

**Roman Brandt,** Moskva.

## Deutsch.

**Urteile von Universitäts-Professoren (Philologen) über eine zwischenvölkische Sprache.**

Es erscheint die Frage: Gibt es einen grundsätzlichen Unterschied zwischen den künstlichen Sprachen und den übrigen? Ich verneine dies. Ich verstehe nicht, warum nicht aus irgendwelchem Material nach willkürlicher Methode eine neue Sprache geschaffen und in wenigen Generationen festgelegt werden könnte . . .

Eine Weltsprache entspricht durchaus unsern praktischen Bedürfnissen. Sie erscheint als die Vollendung, die Krone unserer internationalen Einrichtungen.

**Hugo Schuchardt,** Graz.

———

Es wäre ein Glück, wenn die Völker eine gemeinsame Hilfssprache hätten; aber sie muß künstlich geschaffen sein, denn man kann nicht die nationalen Idiome hierzu verwenden.

**Rasmus Kristian Rask,** Kopenhagen.

———

Eine künstliche Weltsprache läßt sich sicher verwirklichen; ich hebe hervor, daß eine solche viel regelmäßiger, vollkommener und leichter zu erlernen ist als irgend eine der gebräuchlichen menschlichen Idiome. In dieser Beziehung muß ich dem Esperanto den ersten Rang einräumen.

**Max Müller,** Oxford.

———

Esperanto ist ein Idiom, eigentlich im Prinzip so künstlich, wie auch die verschiedenen **Literatursprachen** es sind, die (wie z. B. auch die bulgarische Literatursprache) ziemlich weit von den lebenden Dialekten des Volkes entfernt sind.

**Ivan Schischmanoff,** Sofia.

———

Als Philologe bewundere ich die Struktur des Esperanto.

**Gilbert Murray,** Oxford.

———

Ich habe schon mehrfach in Esperanto geschrieben, und zwar in Prosa und Versen, und ich muß gestehen, daß ich die Sprache für tauglich zu diesem Zwecke halte.

**Roman Brandt,** Moskau.

## Français.

**L'opinion de quelques jugements de professeurs de langues dans différents universités sur l'esperanto.**

La question qui se pose est celle-ci: Existe-t-il une différence de principe entre les langues artificielles et les autres. Je le nie. Je ne comprends pas pourquoi une langue nouvelle ne pourrait être crée à l'aide de matériaux quelconques, d'après une méthode arbitraire, et être fixée au bout de peu de générations . . .

Sans aucun doute possible une langue universelle est conforme à nos besoins pratiques. Elle apparaît comme le complètement et le couronnement de nos organisations internationales.

**Hugo Schuchardt,** Graz.

———

Ce serait un grand bonheur si tous les peuples avaient une langue auxiliaire commune, mais elle doit être artificielle car on ne peut employer dans ce but les langues nationales.

**Rasmus Kristian Rask,** Kobenhavn.

———

Une langue universelle artificielle est certainement réalisable. J'attire l'attention sur le fait qu'une telle langue serait beaucoup plus régulière, plus parfaite et plus facile à apprendre qu'aucune des langues habituelles existantes. A ce point de vue le premier rang appartient à l'esperanto.

**Max Muller,** Oxford.

———

L'esperanto est un idiome, à vrai dire, pas plus artificiel que ne le sont les différentes **langues littéraires** qui, comme p. ex. la langue littéraire bulgare, sont souvent assez loin des dialectes vivants populaires.

**Ivan Šišmanov,** Sofia.

———

En tant que philologue j'admire la structure de l'esperanto.

**Gilbert Murray,** Oxford.

———

J'ai déjà écrit quelques fois en esperanto, soit en vers soit en prose, et je puis certifier que j'ai trouvé que cette langue convient parfaitement pour ce but.

**Roman Brandt,** Moscou.

# Tra Esperantujo.

**Kunveno de Int. Unio de Radiofonio por Esperanto.**

La kunveno okazinta de 11-a ĝis 13-a de majo en Lausanne (Svislando) akceptis laŭ propono de la stacio Radio-Genève la sekvantan rezolucion:

„La Int. Unio de Radiofonio rekomendas al la stacioj fari provon pri regulaj dissendoj en Esperanto unufoje en semajno dum 10—15 minutoj, por anonci al malproksima aŭskultantaro la ĉefajn punktojn de sia semajna programo aŭ por konigi al ĝi okazintajon artistan, intelektan aŭ ekonomian de sia nacia vivo. — Ĝi samtempe rekomendas al ili, anoncigi sian stacion unufoje ĉiutage en Esperanto okaze de siaj vesperprogramoj."

Speciala komisiono por alproksimigo intelekta kaj artista estas komisiita doni al la stacioj ĉiujn necesajn direktivojn por realigo de la decido.

**Paco per Lernejo.**

Je pasko okazis en Praha, Ĉeĥoslovakio, internacia konferenco sub devizo „Paco per Lernejo", kunvokita de Int. Eduka Oficejo en Ĝenevo. Partoprenis ĉ. 400 delegitoj el 18 eŭropaj ŝtatoj, plejparte pedagogoj. La ĉeĥoslovaka ministro de Ekstero, D-ro Beneŝ, kaj la ministro de Instruo, D-ro Hodza, persone ĉeestis kaj malfermis la konferencon. La ĉefa kongresa lingvo estis Esperanto; sed okazis ankaŭ paroladoj en lingvoj ĉeĥa, germana, angla kaj franca, kiuj estis tradukataj en Esperanton.

**Denove Esperanto-geedziĝo inter diverslingvanoj.**

La edzo estas italo, konata s-ano Johano Della Savia en Udine, la edzino estas hungarino, s-anino Blanka Mandel el Budapeŝto. La edzo ne komprenas hungare, kaj la edzino ne itale; sekve ili estas devigataj interparoli per Esperanto.

**Ordono de rumana ministro de Instruo pri Esperanto.**

Per oficiala skribaĵo n-ro 46 271/927, la Ministerio de Instruo en Bukureŝto (Ĝen. Direkcio de Duagrada Instruo, Servo E) sendis „malfermitan ordonon al la direkcioj de l' duagradaj lernejoj" en Rumanujo, rekomendantan al la lernejaj direkcioj ilian kunhelpon al s-ro T. Morariu ĉe la aranĝo de esp. kursoj por lernantoj kaj por la publiko.

**Forpermeso al instruistoj por la kongreso en Danzig.**

La Prusa Ministro por Scienco, Arto kaj Popolklerigo en skribaĵo al la 19-a Universala Kongreso komunikas, ke per dekreto de 7. 4. li rajtigis la koncernajn lernejajn estrarojn forpermesi instruistojn al la kongreso de Danzig, se la instruaj cirkonstancoj tion permesas.

**Kongresvojaĝo al Danzig.**

Silezianoj intencas vojaĝi al Danzig tra Polujo. La saman vagonaron povos uzi ankaŭ aŭstroj kaj ĉeĥoslovakianoj. Informoj en Heroldo de Esperanto (n-ro 20 de 20. 5.) aŭ rekte de K. Kliem, Habelschwerdt, Silezio, Germanujo.

**Esperanto kaj bontemplanoj.**

De 10-a ĝis 13-a de junio okazos en Viipuri la nunjara kongreso de I. O. G. T. (Grandloĝio de Finnlando). La kongresaj lingvoj estos la finna lingvo kaj (por eksterlandaj delegitoj) Esperanto.

**Juĝoj de universitataj lingvo-profesoroj pri Esperanto.**

La juĝojn, publikigitajn en la hodiaŭa numero, kompilis s-ano Karl Giessmann en Krefeld, Germ. Por havi



**La fama katedralo de S-ta Stefano en Wien.**
En Wien okazos de 5-a ĝis 19-a de junio grandaj „Festsemajnoj", pri kiuj informas ĉiuj vojaĝoficejoj kaj „Fremdenverkehrs-Kommission", Wien 7, Messepalast.

argumentojn kontraŭ tiuj filologoj, kiuj kontraŭbatalas nin, estas dezirinde kompletigi ĉi-supran liston. Aldonojn bonvolu sendi al la redakcio de Verda Stelo, se eble en la nacia lingvo kaj en Esperanto.

**Esperanto kaj Radio.**

Heroldo de Esperanto preskaŭ en ĉiu numero enhavas rubrikon pri Esp.-dissendoj per Radio lastatempe ekz. el Berlin, Moskva, Barcelona, Minsk, Hilversum, Königsberg-Danzig.

**Afranku nek tro malalte, nek tro alte!**

Okazas kelkfoje, ke la redakcio de Heroldo ricevas je unu tago 3—4 sendajojn ne sufiĉe afrankitajn, por kiuj ĝi devas pagi punafrankon; sed kelkfoje sendajoj estas tro alte afrankitaj. Oni petas nin atentigi, ke leteroj el Germanujo kaj Francujo al la Saar-teritorio kaj inverse kostas nur la enlandan afrankon. Do, atentu ĉe la afrankado!

## Tra la mondo.

**Je certaj tempoj la homaron atakas iu stranga ambicio, preskaŭ mi volas diri iu manio, atingi ion eksterordinaran, ion novan, ion rekordan. La motivoj, kiuj instigas la homojn al tiaj rekordfaroj, estas diversaj. Iun pelas gloramo, alian aventuremo, trian avidemo je profito, kvaran la amo servi al la homaro per almontro de novaj ebloj por la progresigo de kulturo, de scienco, de tekniko, de trafiko ktp.**

Iam tio estis la serĉo de nekonataj terpartoj, laste ankoraŭ la konkero de l' Polusoj, alitempe la konstruado de kolosaj monumentoj, ekzemple la piramidoj en antikva Egiptujo, la „nubgratuloj" en moderna Ameriko, aŭ la atingo de iu sporta rekordo, ekzemple en pasinta jaro la transnaĝado de l' Kanalo, kaj plej laste tio estas la **transflugado de l' Oceano** sur la dorso de artefaritaj birdoj.

Sed la artefaritaj birdoj ankoraŭ ne estas sufiĉe daŭremaj, la entrepreno estas danĝera, kaj du bravaj riskemaj pilotoj, la francoj **Nungesser** kaj **Coli**, jus pagis ĝin per sia vivo. Tria piloto, entreprenînta la riskon tutsola, havis pli bonan ŝancon. **Lindbergh**, la juna sved-amerikano, sukcesis bonege. Lia nomo do estas en ĉies buŝo, li estas la heroo de l' hodiaŭa tago, kaj ja lia faro estis **heroa faro:** li pruvis al la mondo, ke estas eble, per eta, nefortika veturilo novspeca, per flugmaŝino, en duona tagnokto transveturi la vastan oceanon, por kio iam oni bezonis multajn semajnojn, kaj por kio eĉ la plej moderna vaporŝipego ankoraŭ bezonas ses ĝis dek tagojn. La flugo de Lindbergh malfermas al la trafiko tute novajn perspektivojn, kaj eble jam pli frue, ol ni supozas, trafikos trans Atlantikon kaj Pacifikon regulaj fluglinioj, kaj ili bezonos eĉ ne tiom da horoj, kiom la ŝipoj bezonas da tagoj por la sama distanco. **La tero fariĝas pigmea**, kaj pro tio la kuraĝa faro de Lindbergh estas ankaŭ akcela por nia afero, la **internacia lingvo;** ĉar ju pli malgrandiĝas la distancoj, des pli urĝe necesa fariĝas la interpopola interkompreniĝilo.

Ankaŭ la senmotora aviado faras progresojn. La germana **instruisto Ferd. Schulz** sukcesis per senmotora flugaparato resti pli ol 14 horojn en la aero.

Dum majo okazis en Ĝenevo la **Mondekonomia Konferenco.** Ĝiaj rezultoj ne estas palpeblaj, sed ĝi montris kun terura klareco la kaoson, en kiu nuntempe troviĝas la ekonomio, precipe en Eŭropo. 11 000 novaj doganaj limoj ekzistas en Eŭropo depost la milito, diris la angla jurnalisto **Layton**, 10 milionoj da senlaboruloj, kaj 2¼ miliardoj da dolaroj estas elspezataj ĉiujare por armadoj!

Interese parolis ankaŭ la germana reprezentanto ĉe la Konferenco, **v. Siemens**, kiu interalie akcentis, ke estas nepre necese **krei definicion de la konceptoj** por la internacia mondekonomia trafiko. **Se oni volas interkompreniĝi**, li diris, **oni devas unue paroli la saman lingvon.** Oni devas provi, ankaŭ por la ekonomia scienco, fondi mezursistemon, validan en la tuta mondo, tiel ke tiu ĉi scienco povos transformiĝi de filozofa al ekzakta (praktike aplikata) scienco. Se tiun ĉi taskon komencus efektivigi la Ligo de Nacioj, ĝi farus senliman servon ne nur al la ekonomio, sed ankaŭ al la **interpopola interkompreniĝo.** Jen la vortoj de v. Siemens.

Ni esperantistoj plene konsentas al la sentenco de s-ro v. Siemens, ke „se oni volas interkompreniĝi, oni devas unue paroli la saman lingvon". Sed kial „krei definicion de la konceptoj", dum jam ekzistas tiu definicio, eĉ en pli granda amplekso, dum jam ekzistas tiu „sama lingvo"? Oni bezonas nur iom malfermi la okulojn, oni devas nur etendi la manon — la donaco jam ekzistas kaj nur atendas esti akceptata!

Ni esperantistoj ĉiutage proponas ĝin, sed **la mondo estas blinda.** Eĉ la vidantoj estas blindaj. Eĉ tiuj, kiuj ja tre bone scias, kio estas bezonata, eĉ ili ne vidas la pretan donacon.

**Kiam la mondo vere malfermos la okulojn?**



**La belega urbdomo de Wien.**
En Wien (en Hofburg, „Nova salonego") estos malfermata la 5-an de junio la VII-a Aŭstria Esperanto-Kongreso. Informojn volonte donas ĉefinsp. Steiner, Korneuburg.

## Valora opinio.

(D-ro Jobe.)

S-ro Josep M. Junoy, unu el la katalunaj intelektuloj, kiuj hodiaŭ plej efike direktas la kulturan movadon de Katalunio, redaktoro de la ĉiutaga ĵurnalo „La Veu de Catalunya", fondinto kaj direktoro de „La Nova Revista", aŭtoro de la verko „El gris i el cadmi" ktp., skribas en „La Veu de Catalunya" de 2. 5. la jenan artikolon:

**Pri Esperanto.**

Neniam mi komprenis la atakojn de ironio kaj malestimo, per kiuj estas traktita Esperanto. Ĉiam ili ŝajnis al mi, kvankam la atakintoj estas kelkfoje personoj de pozitiva kvalito, tute nejustaj. La akuzoj, kiujn oni faris al la universala idiomo elpensita de D-ro Zamenhof, estas akuzoj (ofte akozas tio), kiujn oni faras nejuste al ĝiaj kvalitoj.

Nome de l' estetiko (ve! estetiko, kiom da miskomprenoj kaj stultajoj oni faras en via nomo!) oni volis prezenti Esperanton kvazaŭ malfeliĉajon. Kvazaŭ lingvaĉon, kvazaŭ groteskan artefaritajon.

Eĉ en tiu plano de estetiko, kie la disputoj kaj diversaj opinioj neniam finiĝus, mi kredas, ke estas nejusta la sinteno de neniam cedanta atakemo kontraŭ Esperanto. Se iam geniulo kreus verkon de plena merito en tiu ĉi lingvo — kaj tio ne estas neebla —, Esperanto atingus laŭ aŭtomata maniero la tonon, la koloron, la

# Jam estas tempo anonci vin por Danzig!

**Senlabora.**

Ridado gaja ja sonadis iam,
Aŭ kanto eĉ, kelkfoje tra la domo
En kuirej' zorgeme mastrumadis
Nelaciĝema, kara patrineto.

Ĉirkaŭis paco tiun ĉi dometon;
En ĝi la Zorgo nur malofte loĝis,
Ĉar patrineto saĝe kalkuladis
Kaj ĉiun ŝarĝon portis neplendante.

Sed nun mizero estas en la domo;
Forrestis jam delonge la salajro.
Ne plu ridado gaja nun sonadas,
Ne kanto plu tra la dometo nia.

Fr. Hahn.

## La sagaca Udzaŭmi.

Negrofabelo el iama Germana Orienta Afriko.

Estis iam knabo nomata Udzaŭmi, kiu estis forpelita de siaj gepatroj. Nenion havante li devis forkuri.

Vespere li venis al kabano, kie loĝis virino, kiu lin akceptis, kiam li promesis, por ke li muelu al ŝi la maizon.

La sekvintan tagon li eliris por kapti birdojn. Jen li trovis birdon, kiu sidis en nesto kaj kovis la ovojn. Li atendis tiel longe, ĝis la birdoj elkoviĝis. Tiam li prenis du el la idoj, portis ilin al la virino kaj diris: „Jen, rostu ilin por mi! Se ili estos maldikaj, manĝu ilin; sed se ili estos dikaj, konservu ilin por mi, ĝis mi revenos; tiam mi donos unu al vi kaj la alian mi manĝos mem."

Sed kiam la virino dum la rostado vidis, ke la birdoj estas dikaj, ŝi pensis: „Mi manĝos ilin nur mem, kaj poste mi diros, ke ili ambaŭ estis maldikaj." Tiel ŝi ankaŭ faris.

Sed rostante la birdojn, la virino ŝmiris forgeserare iom da graso sur sian genuon. Tion vidis Udzaŭmi kaj diris: „Ho, ĉu la birdoj estis maldikaj? De kie devenas la graso sur viaj genuoj?" Tiam hontis la virino, ke ŝi mensogis.

Sed la knabo diris: „Donu tranĉilon por tio al mi!" Kun tiu tranĉilo li foriris de tie.

Dumvoje li trovis kelke da homoj, kiuj klopodis per ligna tranĉilo senhaŭtigi iun beston. Li rigardis ilin dum momento, poste li diris: „Prenu tiun ĉi tranĉilon, tiam vi ne bezonos tiom peni."

Post kelkaj tranĉoj ili estis pretaj kaj diris: „Tiu ĉi tranĉilo estas tre bona."

Sed Udzaŭmi diris: „Nun rekompencu min ankaŭ!" Ili do donis al li viandon, kiun li enmetis en sian ledsakon.

Kiam li iris pluen, li renkontis homojn, kiuj manĝis kaĉon, sed ne havis viandon ĉe ĝi. Li diris: „Ĉu vi manĝas sole la kaĉon? Tie ĉi vi havas viandon, sed donu al mi ankaŭ iom da via kaĉo!"

Ili tre ĝojis kaj donis al li grandan pladon da kaĉo, kiun li same enmetis en sian sakon.

Baldaŭ poste li venis al homoj, kiuj havis multe da herbo, sed neniun manĝajon; al tiuj li donis el sia kaĉo, por kio li ricevis amason da herbo.

Kiam li kun tiu ĉi herbo daŭrigis sian vojaĝon, li vidis virojn, kiuj havis kaprinojn, sed neniun furaĝon por ili. Li diris: „Tie ĉi estas herbo, donu ĝin al viaj kaprinoj!"

Por tio li ricevis kaprinon, kiun li antaŭ si pelis.

Vespere li venis en vilaĝon, kie estis multe da brutoj. Li petis por noktoripozo.

La homoj diris: „Ni havas nenion kontraŭ tio," kaj volis alligi lian kaprinon.

Sed la knabo diris: „Ne, mia kaprino dormos ĉe la brutaro."

La homoj avertis lin kaj opiniis, ke ĝi povus tie facile esti mortigata.

Sed li respondis: „Tio ne okazos," kaj starigis ĝin al la brutoj inter la barilon.

Kiam nun ĉio dormis, ellitiĝis kaŝe la knabo kaj mortigis sian kaprinon distrancante per la tranĉilo ĝian ventron. Poste li ŝmiris per la sango la kornojn de kelkaj brutoj, kaj, lavinte siajn manojn kaj tranĉilon, li trankvile reenlitiĝis kaj dormis ĝis la mateno.

Kiam matene la homoj vekiĝis kaj iris al la brutaro, ili vidis, ke la kaprino estas mortigita.

Nun ekĝemis la knabo kaj diris: „Pagu al mi mian kaprinon, ĉar viaj brutoj ĝin mortigis!"

La homoj volis al li doni du kaprinojn, sed li postulis du brutojn.

Oni proponis al li dekdu kaprinojn kaj fine eĉ kvardek kaprinojn, sed li persistis je siaj du brutoj, kiujn li fine ankaŭ ricevis. Ĝoje li formarŝis kun siaj brutoj.

Sed kiam li venis en proksiman arbaron, li kaŝis tie siajn brutojn kaj alligis ilin firme. Poste li fortranĉis iliajn vostojn kaj enterigis ilin, tiel ke nur ilia ekstremajo estis videbla.

Nun li kuris al la vilaĝo kaj alkriis la homojn: „Venu rapide, miaj brutoj trafalas teren!"

Ili kune-ankaŭ venis, kaj la knabo diris: „Vidu, jen ankoraŭ nur la vostoj elrigardas eksteren."

Tiam la homoj tiradis je la vostoj kaj forŝiregis ilin.

Nun ekkoleris Udzaŭmi kaj diris: „Pro vi mi perdis miajn brutojn, vi estas kulpaj pri tio; pagu al mi la perdon!"

Oni alvenigis al li du aliajn brutojn, sed anstataŭ ili li volis du knabinojn kaj unu knabon, kiujn li ankaŭ fine ricevis.

Nun li marŝis kun siaj homoj kaj siaj brutoj for kaj konstruis al si du domojn. Baldaŭ plenkreskis la knabinoj, kaj venis riĉaj viroj por edziĝi kun ili. Tiam li ricevis por ili multe da brutoj kaj multe da kaprinoj kaj — Udzaŭmi estis vera viro.

El germana lingvo tradukis:
Jan Rathay.

muzikon, la guston de la aliaj literaturaj lingvoj. Dume — escepte de la latina lingvo kun sia praaŭtoritato kaj kun sia avantaĝo esti la granda organo de la katolikismo — Esperanto faras kaj povas fari grandajn servojn de homa interrilato kaj de internacia kunkompreno.

Tiuj, kiuj atakas Esperanton, precipe per fiaj aŭ suprajaj armiloj, tute ne konas la mondan gravecon de tiu granda, tutmonda lingva asocio. Estas nur necese foliumi en ĝiaj multenombraj publikaĵoj por konvinkiĝi. La inteligenteco kaj volo, krom la fervoro, kiuj ĝin servadas, estas eksterordinaraj.

En Katalunio estas esperantista grupo grava, kiu meritas ne nur niajn respektojn sed ankaŭ nian admiron.

La katalunaj literaturistoj, kiuj disponas pri malvasta lingva areo de diskonigo, havas pli da intereso ol iu ajn internacia literaturista sektoro, laŭdi kaj kreditigi tiun noblan kaj sindonan idiomon de interŝanĝo.

(La aŭtoro konigas la Katalunan Antologion, verkon de la esperantistoj katalunaj, kaj notigas ĝian elĉerpiĝon unu jaron post la apero kaj diras:)

Esperanto do estas inda je ĉies konsidero, estas intelekta instrumento de perfekta leĝitimo kaj de konstatita efiko.

Esperanto, eĉ kun siaj neperfektaĵoj, kun siaj maloportunaĵoj, estas sendube unu el tiaj noblaj kaj necesaj faktoroj de alta interrilatiĝo.

# Esperanto, lingvo de l' venontaj jarcentoj.

Jam ne estas unuopa aŭ malofta fakto, ke en modernaj rakontoj aŭ romanoj estas aludita Esperanto kaj akcentita ĝia granda misio por la tutmonda homaro. Inter tiuj citaĵoj okupas certe elstaran lokon la ĉi-sekvanta, eltirita el la verko de „El Coronel Ignotus" (José de Elola), „La Amo en la centa Jarcento" (El Amor en el Siglo cien). La „Nekonata Kolonelo" per siaj science-beletristikaj romanoj, en kiuj li scias majstre prezenti temojn el fiziko, kemio, astronomio, elektra, radia kaj radiuma teknikoj ktp., agrable kunmiksitajn kun ĉiam allogaj novelaj temoj, okupas inter la nuntempaj hispanaj verkistoj rangon de dua „Jules Verne", kiu povus fieri pri sia spirita posteulo montranta al ni en siaj „Interplanedaj vojaĝoj" la grandiozaĵojn de l' senlima spaco kaj en la supre citita verko formon de la surtera vivo post okdek jarcentoj, naskitan de lia viva fantazio.

Inter la multaj aferoj mortintaj de l' jaro 2000 ĝis 10 000 troviĝas la unuaj lingvoj, studataj de instruitaj filologoj ne pli, ol en la XX-a jarcento oni studis la klasikajn grekan, hebrean kaj sanskritan. Tiuj eŭropaj lingvoj disiĝis en idaj idiomoj, sed kun aplikado regiona, treege limigita kaj nur dialekta. Ĉar tiel, kiel la homaro fine havis nur unu tutmondan ĉefurbon, **Mundiopolis,** kapo nediskutita de la teraj nacioj ĉiuj federaciiĝintaj, sammaniere oni estis atinginta la interesegan progreson, havi nur unu solan lingvon de kleruloj por ĉiu oficiala ago, ĉiuj manifestoj sciencaj kaj literaturaj kaj por la necesaĵoj de la socia komunikado inter edukitaj personoj ĉiupopolaj kaj ĉiulatitudaj: **Esperanto,** la sama Esperanto farinta en la komenco de l' XX-a jarcento siajn unuajn kaj penajn paŝojn; ĉar kiam la homoj konvinkiĝis, ke la naciaj fieroj estos ĉiam nesuperebla baro por la adopto kiel universala lingvo de iu el la tiam uzitaj de kiu ajn popolo, altrudiĝis tiu lingvo patruj-orfa, kiel scienca lingvo unue, en la jarcento XXII-a, literatura poste en la jc. XXV-a, diplomata pli poste en la jc. XXXII-a, komerca en la XL-a kaj fine universala de la XL-a al la L-a. (La sinsekvo de la aplikado estas diskutebla. — La tradukinto.)

Krom la avantaĝo permesi al ĉiuj personoj de meza instruiteco ĉiulandaj interkompreniĝi, la strukturo kaj universala aplikado de Esperanto prezentis la econ de nevariemo; ĉar la jarcentoj ĝin riĉigis per la novaj vortoj postulitaj de la progresoj sociaj, sed modifis nek ĝian konstruon nek ortografion: prefero treege estiminda, ĉar kontraŭe al tio, kio okazis al hispano aŭ anglo aŭ franco el la XX-a jc., kiuj ne komprenis la verkojn en siaj lingvoj skribitajn ses aŭ sep jarcentojn antaŭe, la homoj centjarcentaj ne trovis malfacilaĵojn konsultante antikvajn librojn aŭ dokumentojn, tial ke ne ekzistis Esperanto antikva kaj Esperanto moderna, sed nur unu sola kaj unika Esperanto: la primitiva, riĉigita sed ne modifita.

Tiu cirkonstanco estis feliĉega por la protagonistoj de ĉi tiu historio, kiuj dank' al ĝi ne troviĝis tutege senkomunikaj kun siaj similuloj, kiam revenis iliaj spiritoj al la mortitaj, sed ne putriĝintaj korpoj, de kiuj ili forestis dum la daŭro de okdek jarcentoj; ĉar Inés kaj Juan estis en la unua etapo de sia vivo, pli ol distingitaj esperantistoj, entuziasmaj apostoloj de la propagando poresperanta. Tradukis Jofebo.



**S-ano Prof. D-ro Hazime Asade el Nagasaki kun sia familio.
Li estas vojaĝanta Eŭropon kun sia edzino.
Bone akceptu la samideanon el malproksima Oriento!**

D-ro Asade estas profesoro de jurmedicino en la medicina fakultato de Nagasaki. Li enŝipiĝis la 25-an de aprilo en Simonoŝeki kaj veturis al Fusan, de kie li per vagonaro pluveturis okcidenten tra Koreo kaj Siberio. Li ankaŭ partoprenos la kongreson de Danzig. El Eŭropo li pluvajaĝos Amerikon, de kie li revenos en sian hejmlandon.

Ankoraŭ alia japana samideano, jurnalisto Toki-Zenmaro, redaktoro de grava jurnalo „Tokyo Asahi Sinbun", ekvojaĝis el Jokohama por fari mondvojaĝon, unue al Marseille (Francujo) kaj poste tra diversaj landoj.

# El Scienco kaj Tekniko.

**Kvinmiljara vilaĝo trovita en Hungarujo.**

Apud la vilaĝo Toszeg proksime al la rivero Tisza oni vidas nun kvazaŭ pafist-fosaĵojn (tranĉeojn). Ili estas la fosaĵoj de scienculoj, kiuj serĉas pratempan vilaĝon. Jam antaŭ kvindek jaroj vilaĝano O b o r a iris tien dum somero kaj fosadis. Oni nomis lin frenezulo. Sed li trovis argilaĵojn, vazojn ktp. kaj ostaĵojn. Kiam profesoroj poste ekvidis ilin, oni konstatis, ke ili estas praepokaj restaĵoj, kaj kelkaj komencis serioze esplori la teron. Bedaŭrinde mankis la mono. Dum kelkaj jaroj la hungara Nacia Muzeo aĉetinta la terparton laborigis tie, sed poste oni devis ĝin denove vendi.

En 1923 venis nova helpo: V a n G r i f f e n, nederlanda profesoro de la universitato de G r o o n i n g e n, proponis sian helpon. Tamen ne estis multaj sukcesoj. Sed nunjare venis anglaj profesoroj. Unue G o r d o n C h i l d e de la universitato de E d i n b u r g h, kiu malsaniĝis, kaj nun lin anstataŭos Prof. C l a r k de la universitato de C a m b r i d g e. Ili trovis kun hungaraj arkeologoj sub gvidado de D-ro L u d o v i k o M á r t o n pratempan vilaĝon, kiu devus havi aĝon de 5000 jaroj. La trovitaĵoj estos gravaj dokumentoj por la sciencularo. La tuta kolonio ankoraŭ ne estas malkovrita, oni bezonus ja grandegajn sumojn. La vilaĝo montras, ke la kolonio ofte bruliĝis, kaj oni konstruis novan vilaĝon unu sur la alian. Naŭ ĝis dekkvar tiaj tavoloj estas unu super la aliaj. La domoj estis el kano kaj ligno; oni konstruis simplajn dometojn, inter argildigoj fortigitaj per kano- kaj vergoplektaĵoj. La muroj inter la plektitaj argilkolonoj ankoraŭ estas bone videblaj. La domoj estis neregule kvarangulaj kaj konsistis el 2—4 ĉambretoj po 3—4 metroj. Unu strateto estis nur 140 centimetrojn larĝa. Ne estas miriga la ofta bruliĝo.

La trovitaj bronzlaboriloj estas tre difektitaj, sed kelkaj ostlaboriloj estas belegaj, precipe la armiloj. Ankaŭ multaj vazoj restis ĉe la kamenoj forlasitaj. Tiuj estas diversformaj kaj montras artan guston. La plimulto estas nigra, polurita keramiko kun enmetita ornamaĵo. Oni trovis ankaŭ figurojn. Ekzemple argilstatuetojn de kapro, hundo, kokido. Ili estas primitivaj kreaĵoj; oni vidas la penadon, per kiu oni volis imiti la originalajn figurojn. Sur unu vazo estas videbla eĉ virina figuro. Ĝia formo estas iom kvarangula, ne proporcia, la detaloj tamen montras artan senton. Oni scivole atendas, kion la scienco povas ankoraŭ rekonkeri de la tero el la praepoko. Hungara Esp. Servo.

**Travidebla nebulo.**

La angla kemiisto Baird montris en sia laborejo en Londono al aro da ekspertoj, inter ili la angla admiralo Marc Kerr, inventaĵon, kiu permesas travidi la nebulon. Li ĉirkaŭis homan vizaĝon per densa artefarita nebulo kaj reproduktis per sia aparato „Televisor" klaran bildon de la vizaĝo. Oni intencas daŭrigi la provojn sur la maro ĉe natura nebulo, por konstati, ĉu la inventaĵo estas praktike utiligebla.

**Fluganta trajno.**

Oni ne povas ĝin nomi „vagonaro", ĉar ĝi konsistas el aviadiloj, kaj sub la nomo „aviadilaro" oni komprenas aron (eskadron) da aviadiloj. Do, la fluganta trajno estas unuafoje provita je pasko kaj estas inventaĵo de la Raab-Katzenstein-uzinoj en Kassel (Germanujo). Provizore la „fluganta trajno" konsistas nur el „lokomotivo" (aeroplano kun motoro) kaj unu „personvagono" (senmotora aviadilo), kiu estas per ŝnurego ligita kun la „lokomotivo". Per la nova aranĝo estas eble, alterigi sole la duan aviadilon, per glitflugo, dum la unua povas daŭrigi sian flugon sen

## Ĉe la kvara.

Estu bonvena
En hejma rondo,
Nova infano,
En vasta mondo!

Kvankam vi estas
Ino la kvara,
Vin nur atendas
Am' malavara.

Vin akompanu
Mil' da aspiroj,
Mil' da atendoj,
Mil' da deziroj!

Benu vin riĉe
Homa la sorto —
De la lulilo
Ĝis via morto!

Estu bonvena,
Vi nova ino,
Kvankam vi estas:
Kvara filino!

A. Kloek.

# Spritaĵoj.

Kolektitaj de A ĉ u l o.

Edzino (entuziasme): Niagaro! La plej majesta vidaĵo, kiun miaj okuloj iam vidis. Ĉu vi scias, Henriko, kiam mi ĝin rigardas, mi kvazaŭ sentas, ke mi tute ne povas eldiri eĉ unu vorton!

Henriko: Bone, silentu do! („Passing Show.")

Ŝi: La kuracisto diras, ke mi devas iri al Sudo pro mia sano. La demando estas, kien iri.

Li: Iru al alia kuracisto! („London Mail.")

— Mia dentisto estas bona homo. Ĉiam, kiam li eltiris denton, li donis al mi glason da viskio.

— Ĉu vi ne plu iras al li?

— Mi ne havas plu dentojn. („Le Rire.")

Ŝi: Mi aĉetis pianon treege malkaran hodiaŭ.
Li: Kiom ĝi kostas?
Ŝi: Tri funtojn ĉiumonate.
Li: Dum kiom da monatoj?
Ŝi: Ho, mi forgesis tion demandi. („Tits Bits.")

## Anekdotoj.

Originale verkitaj de D. S a v i c k i.

**La plej bona pruvo.**

E n m a g a z e n o.

— Montru al mi malkaran, simplan sed bone distilantan doman filtron por akvo!

— Jen la plej bona ekzemplero, kiu posedas ĉiujn ecojn, kiujn vi postulas. Ĉu vi volas provi akvon, kiun ĝi distilis?

— Bonvolu doni al mi da ĝi por gustumi!

— Nu! Kion vi diros?

— Mi trovas, ke ĝi estas tre bona.

— Ĉu ne? Kaj tamen, hieraŭ mia edzino lavis per tiu ĉi akvo miajn ŝtrumpojn!

**Gradoj de komparado.**

— Denove ci revenas hejmen ebria, kvankam antaŭhieraŭ vi diris: „Tio ĉi estas la lasta fojo!"

— Silentu! Jes, antaŭhieraŭ estis la lasta fojo; hieraŭ estis pli lasta, hodiaŭ estas la plej lasta. Ĉu ci komprenas? Morgaŭ estos la superlasta, postmorgaŭ pli superlasta, kaj tiel plu. Ho, mi bone scias komparadon! Ne maltrankviliĝu!

# Enigma konkurso.

**La solvoj de la enigmoj en la hodiaŭa numero devas alveni ĝis 15. 7., el transoceanaj landoj (escepte de Norda Ameriko) ĝis 15. 9. La solvoj estu skribitaj klare sur aparta leterfolio aŭ poŝtkarto, kun klara adreso. Ne skribu la solvojn de du monatoj sur sama folio aŭ karto!**

**1. Silab-enigmo.**

a, a, a, ce, da, do, fe, ga, gla, go, ho, in, jor, ko, kri, la, li, mo, na, na, ni, ni, no, nu, o, op, po, ra, ra, ro, ro, ro, ro, ro, sko, so, so, so, te, ten, ti, tro, u, ul, za, zan.

El ĉi-supraj 46 silaboj estas formotaj 14 vortoj, kies komencaj kaj kvaraj literoj, legataj de supre malsupren, nomas alvokon al la esperantistaro (gh = ĝ).

La vortoj signifas: 1. hispana provinco, 2. mezuro por fluidaĵoj, 3. punloko, 4. trinkilo, 5. astrologiaĵo, 6. planedo, 7. loĝejo de nomadoj, 8. haŭtmalsano, 9. biblia rivero, 10. biblia nomo, 11. suda frukto, 12. japana floro, 13. fako de la fiziko, 14. fama akvofalo.

**2. Serĉu la sentencon!**

al, -aro, -aro, -con, -da, de, -do-, -fan-, gran-, hom-, in-, l', la, la, -nu, pa-, re-.

Kunmetu la supre nomitajn vortojn kaj vorterojn tiamaniere, ke ili formos deziron de D-ro Zamenhof, elparolitan je la kongreso de Boulogne!

**3. Ŝarado.**

Kunigu mambeston kaj arbofrukton, kaj tuj forflugos insekto lumportanta.

**Solvoj el n-ro 4.**

1.

1. Opero, 2. labirinto, 3. oceano, 4. Portugalujo, 5. spirito, 6. fervojo, 7. krono, 8. plumo, 9. teatro, 10. ordeno, 11. indiano, 12. ĉevalo, 13. ejo, 14. pokalo. — Paco per Lernejo.

2.

La solvo de la krucvort-enigmo estas diversa (unu solvinto skribas, ke ekzistas 14 742 diversaj solvoj). Tial ni publikigas nur speciale interesan solvon de H. Wilke en Berlin.

La aldonitaj literoj estas: horizontale: P(A)R kaj A(L)E, vertikale: T(A)N kaj E(K)S. La aldonitaj literoj nomas, ĝuste ordigitaj, la lingvon ESPERANT(O).

Validajn solvojn alsendis:

El n-ro 3: solvis 2 enigmojn: Shishido.

El n-ro 4: solvis po 2:

Arabeno, Berger, Brendgens, Charon, Cipera, Deligny, Alfr. Diettrich, Dittrich (Wien), Donath, Dratwer, Dutschmann, Ellerbeck, Engst, Karl Fischer, Gensch, Grodl, Hammermeister, Hasbach, Hoen, Indra, Jeremies, Kolodziej, Kösters, Krijt, Mangada, Matriciani, Menne, Meyer (Fft.), Minke, Nischwitz, Paschedag, Plehn, K. Rambousek, Reinhart, Salin, Savicki, Schöttl, Simmons, Stein, Ŝiriaev, Visner, Weiske, Werner, Wilke.

Solvis 1: Rusch.

Ankaŭ el n-ro 5 alvenis jam multaj solvoj.

alteriĝo. Ankaŭ la mondkonata cirko Sarrasani, nun gastanta en Kolonjo, montris tian „flugantan trajnon" ĉe reklamaj flugoj. — „Post kelkaj jaroj," diris la direktoro de la cirko ĉe amuza kunveno, „mi povos transporti mian tutan cirkon, inkluzive la elefantoj, de unu loko kaj de unu kontinento al alia tra la aero . . ." Eble li pravas.

**Nova fervojo tra la maro.**

Jam ekzistas tramaraj fervojoj en Usono, Italujo (Venecio) kaj eble ankaŭ en aliaj landoj. Nova fervojo tramara estas transdonita al la trafiko la 1-an de junio nunjara, nome de germana provinco Schleswig-Holstein al insulo Sylt. La digo, sur kiu tiu ĉi fervojo trapasas la Nordan maron, havas longecon de ĉ. 11,5 km. Oni konstruis je ĝi kvar jarojn kaj devis venki gravajn malfacilaĵojn.

**Rekordveturo de „Mauretania".**

La vaporŝipego „Mauretania", kiu apartenas al „Cunard-Linio" kaj kiu jam posedas la „Bluan rubandon", ekveturis la 23-an de aprilo, tagmeze je la 12-a, el Southampton kaj vespere el Cherbourg, kaj alvenis la 28-an de aprilo, vespere je la 7-a, en Novjorko. Ĝi do bezonis por la transveturo de Eŭropo (Cherbourg) ĝis Ameriko precize kvin tagojn. Tiel ĝi superis sian propran rekordon. La „Blua rubando" estas ĉiam transdonata al la ŝipo, kiu plej rapide veturas de Eŭropo al Ameriko aŭ returne.

**127 km pohore per nova lokomotivo.**

Nova ekspresa lokomotivo, konstruita de la firmo Maffei en München (Germ.) atingis ĉe prova veturo inter Augsburg kaj Nürnberg maksimuman rapidecon de 127 km pohore.

# Diversaĵo.

**Kie troviĝas la cindro de Kolumbo?**

Antaŭ nelonge cirkulis sensaciaĵo: Edzino de amerika konsulo perdis etan kristalvazon, materie ne tre valoran. Sed laŭdire ĝi enhavis la cindron de Kolumbo, kio kompreneble atribuas al la vazo la gravecon de netaksebla relikvo. Kvankam fervora serĉado bedaŭrinde restis vana, ion bonan tio tamen kaŭzis, elmontrante la rimarkindan fakton, ke la loko de l' kadavraj restoj de la granda eltrovinto ne estas aŭtentike indikebla.

Kiam Kolumbo en 1506 estis mortinta en Valladolid, oni trovis inter liaj paperoj ankaŭ testamenton. Laŭ ĝi li deziris esti enterigata en S-ta Domingo en Haitio. Malgraŭ tio la vidvino ne povis decidiĝi ekspedigi la kadavron de la kara edzo transmaren. Post kelkfojaj petoj ŝi ricevis la rajton entombigi ĝin en la katedralo de Valladolid. Tio tamen ne malhelpis, ke baldaŭ poste diversaj urboj postulis tiujn mortajn restaĵojn, ĉar intertempe jam ekestis akra disputo pri la naskiĝa urbo kaj dato de Kolumbo — problemo ĝis hodiaŭ ne tute solvita. Siatempe venkis Sevilla, kaj konsekvence tien estis transportata la kadavro. Sed post pluaj 30 jaroj oni memoris ree pri la deziro de Kolumbo, kies plenumo do okazis en 1542.

En 1795 S-ta Domingo fariĝis franca kolonio. Tuj Hispanujo diplomatie repostulis la sanktan cindron de sia nacia heroo. Senplue la franca registaro konsentis, kaj eĉ en la sama jaro oni transportis la restaĵojn al Kubo. Ĉu nun la mortinto havis definitivan ripozejon? Ne! Ĉar post kiam Usono en 1898 aneksis tiun insulon, oni refoje alportis la cindron al Sevilla.

Ĉu per tio la afero fine finiĝis? Juĝu mem! Ree ekzistas instigoj alporti la cindron al Ameriko, kaj nome al Panamo. Sed de kie? Jen nova vario! Konforme al ĝi la restaĵoj de Kolumbo neniam estas forportitaj el S-ta Domingo, ĉar en 1795 oni laŭdire liveris al la hispanoj alian kadavron.

Do, kie troviĝas la aŭtentikaj restaĵoj? Ĉu en la vazo de l' amerikanino, ĉu en Sevilla aŭ S-ta Domingo? La problemo atendas ankoraŭ sian solvon.

**Kosmetiko virina.**

Sendube la plej efika kosmetiko estas racia, ĉiuflanka kulturo korpa. Tion jam sciis antikvaj grekinoj kaj romaninoj, kiam ili fervore sin donis al gimnastikado, dancado kaj banado.

Pri la burĝinoj de Romo ni aŭdas krome, ke ili, kiel iam la egiptaninoj, kolorigis sian vizaĝon. Kaj tiu kutimo postvivis la pereon de l' roma imperio. Ni ja sciiĝas i. a., ke en la 14-a jarcento oni laŭdis la virinojn de Firenze, ke ili estas „la plej bone ruĝigitaj sinjorinoj de la tuta mondo". Ĝis hodiaŭ konserviĝis la kutimo multloke, malgraŭ medicina averto, ke la „ruĝo" ruinigas la haŭton.

Kiel, male, ĝin vere flegi, almenaŭ ŝajne, tion montras la biografioj de du konataj virinoj. Unue oni raportas pri Madame Pompadour: „Ĉiun matenon ŝi prenis molan tukon, trempis ĝin en la sukon de kukumo kaj lavetis per ĝi sian vizaĝon, per kio ŝi atingis sian belegan vizaĝkoloron."

Due, receptas reĝino Marie Antoinette: „Ŝeloj cidoniaj estas metataj en akvon. En ĝi ili devas lesiviĝi dum kelke da tagoj. Poste oni premas la fluidaĵon tra tuko kaj aldonas iom da rozakvo."

Laŭdire estas samgrade efikaj kamomila teo kaj senkrema lakto.

Kaj kion aplikis egipta reĝino Ŝeŝ ĉirkaŭ la jaro 1400 antaŭ Kristo? Pomadon faritan el kuirita hufo de azeno, piedo de hundo, daktilaj kernoj kaj oleo. Kiel rimedon kontraŭ harperdo ŝi uzis ŝmiraĵon preparitan el grasoj de kato, krokodilo, hipopotamo, leono kaj tigro. K. Giessmann, Krefeld.

**Lunkorno — emblemo de Oriento.**

De antikvaj tempoj la romaj papoj sendadis po-are siajn kristanojn en diversajn riĉajn urbojn de Eŭropo. Tiuj formadis koloniojn en la nova loko kaj estis nomataj laŭ la loko de sia deveno. Tiel la urbo Amalfi (Italujo) havis kolonion en Konstantinopolo (tiam Bizantio); ĝi estis nomata „Kolonio de Amalfi en Bizantio", aŭ alia „Kolonio de Venecio en Bizantio" ktp. De tiuj, poste, la kardinaloj de la origina urbo postuladis valorajn donacojn por riĉigi la potencon de Romo kaj fari Romon alloga loko por siaj kolonianoj. Tiel Amalfi ricevis la unuan dupordegon el bronzo sendita el Bizantio de filo de la tiama kolonia konsulo de Amalfi en Bizantio, Maŭro Komit, en 1002; ankaŭ la dua estis sendita al Monto Kasino (Italujo) laŭ peto de abato Dezideriu, same kiel unu por baziliko S-ta Paŭlo en 1076; poste unu pordego por preĝejo S-ta Mikaelo en Gargano kaj en 1087 por Atrani; en 1099 por S-ta Mateo en Salerno. Ĉiuj el bronzo. Tio laŭ raporto de D-ro Di Marcia. Ĉiuj pordegoj — postulitaj kiel donacoj.

Evidente, la kolonio de Amalfi fariĝis sufiĉe riĉa por provizi al Romo tiom da bronzaj pordoj. Tion vidante, Romo organizis, ke ankaŭ kolonio Venecia aperu en 1204 en Bizantio, kies artistoj povus apliki sian talenton al riĉaj donacoj por papoj.

Unu el tiuj pordpaneloj, ornamitaj de venecianoj, havas sur si lunkornon kaj stelon. Tio estas la nuna blazono de moslemoj. Sed en la 12-a jarcento la turkoj ankoraŭ ne estis en Eŭropo. Antaŭ ilia alveno la sama signo beligis kristanan pordon. Babilonanoj asertadis, ke post la konkero de Konstantinopolo la turkoj adaptis la lunkornon, kiun ili prenis de moneroj. Lunkorno ornamis la monerojn de Bizantio sub la regado de Anastaso I, Justiniano, Heraklio, Konstantino X. Tiuj, siavice, pruntis tiun signon, ĉe pli antikvaj Ateno, Metaponto, Tarento, Romo ktp. En la 3-a jarcento antaŭ Kristo du urboj de Abruzio, Penn kaj Aterno, havis lunkornon, gravuritan sur iliaj moneroj. Multaj moneroj, stampitaj pli poste en Romo, havis ankaŭ lunkornon je honoro de Venuso.

La tuta Oriento, komence de Babilono ĝis la selĝukidoj, trenas longan ĉenon el lunkornoj kun stelo. La turkoj daŭrigas tiun tradician ĉenon, farinte la lunkornon sia ornamo kaj blazono. Restas ĝis nun tiu diademo de Venuso, aŭ Diano, la emblemo nacia de moslemoj en tuta Oriento; emblemo ne religia, sed laika. Tereza Yelland.

**En vagonaro.**

Vera travivaĵo de O. Avsec.

Kiel hirundo rapidas vagonaro tra suna Italujo. Antaŭ mi sidas juna fraŭlino. Ŝi rakontas al mi pri sia bulgara patrujo, pri urbo Pirot kaj ĝia esperantista grupo.

Ŝi mem ne estas samideanino. Ŝi estis dediĉanta tutan libertempon al lerno de franca lingvo, kaj nun ŝi vojaĝas Parizon por tie praktike aprobi kaj plibonigi sian lingvan scipovon.

Modeste mi respondis, ke mi nur iomete kapablas francan lingvon, kvankam mi lernis ĝin dum kelkaj jaroj. Sed mia ĝojo kaj plezuro estas Esperanto, kaj nun mi vojaĝas Londonon laŭ invito de miaj esperantaj amikoj.

Belega estas Italujo. Ni ambaŭ estis admirintaj Venecion, urbon sur la maro, kaj Milanon kun sia fama katedralo. Lago di Maggiore — ah, poezio nur . . . kaj tie la montoj kliniĝinte al azura ĉielo, kie forte brilas la itala suno.

Jus ni ekhaltis ĉe ia stacidomo. Mia kunulino prenis botelon el pakaĵo kaj ĝentile diris al oficisto staranta apud signalilo: „L'eau, je vous prie, Monsieur!" Senmova restis la italo, nur eta rideto traflugis lian vizaĝon. La bulgarino ripetis kelkfoje la peton por akvo, sed vane.

Kvazaŭ serĉante helpon, ŝi turnis sin al mi. „Akvon!" mi diris trankvile.

„Akvon, akvon!" ŝi ripetadis laŭte kaj klininte sin profunde el la fenestro de l' vagono.

Mirige efikis ĉi tiu sola esperanta vorto, kaj jam la afabla italo alportis botelon plenan de akvo.

Soifinta amikino, ĉu vi ekkomprenis la valoron de Esperanto?

**Pensi.**

Jen la procedo de bona kaj utila pensado:

Direkti ĉiujn kapablojn de l' menso sur **unu** aferon, ĝin trapenetri, ĝin tralumigi de ĉiuj flankoj, ĝin kritike ekzameni per „por" kaj „kontraŭ" de l' sagaco, ĝin ĝisfunde kontroli utiligante la saĝon de aliaj homoj kaj farante tion tre nin gardi, ke nenio malĝusta imponu al ni, ke ne deflankigu nin io sole alloga, ke nenio ekstera nin subigu, — neniam forlasi la prudenton kiel gvidanton, poste purigi la koron de kromintencoj kaj fine apelacii je la sento kiel konfirmanto.

Se tiel la penso, klara kaj pura, kiel konvinko, estas antaŭ nia spirita okulo, ni devas ĝin solene enmensigi kiel parton de nia memo. Nun ĝi ricevas lokon kaj voĉon en la sankta konsilejo de nia interno, gvidante kaj direktante niajn vivon kaj agadon. Zanoni.

**Praktika knabo.**

Patrino: Jen nun ci estas bona knabo: ci ĉesis plori; prenu tiel bonbonon!

Knabo (nedecide prenante la bonbonon): Ne! Mi ankoraŭ ne ĉesis, mi nur ripozas iomete.

# Lasthore.

De l' Ĝenerala Sekretario de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado ni ricevis la sekvantan ĝojigan informon:

**Okaze de nia nunjara Universala Kongreso la Poŝta Direkcio de la Libera Urbo Danzig eldonis oficialajn poŝtkartojn kun enpresita marko kaj esperantolingvaj tekstoj.**

**Temas pri plena serio de 22 div. kartoj (11 enlandaj, 11 eksterlandaj), kiuj surhavas adresflanke vidaĵojn de Danzig kaj titolon de nia XIX-a Universala Kongreso.**

**Tiu ĉi grandioza jubilea sukceso estas ŝuldata al la interveno de l' L. K. K. kaj ĉefe al la modela kaj laŭcela penado de s-ro Andreo Che, sekretario de I. C. K., kiu laŭ invito de l' L. K. K. okupas sin pri la preparoj de l' Kongreso en Danzig.**

**Estas sen ia dubo, ke tiu ĉi eldono signifas pluan paŝon antaŭen al la ĝenerala, praktika uzo de Esperanto en la kampo de l' poŝto.**

**I. C. K. petas ĉiujn esperantistojn vasten disvastigi tiun ĉi ĝojigan fakton kaj sendi gazet-eltranĉaĵojn por speciala celo rekte al la L. K. K. de Danzig.**

**Lingvatasko.**

Solvo el n-ro 5.

1. Kiam li estis forpelinta sian filon (aŭ: Post forpelo de lia filo), la patron ekpremis pento pro la severeco de la puno.

2. Post kiam li finis la laboron (aŭ: Fininte la laboron, aŭ: Post finita laboro), Petro veturis hejmen.

3. Kiam la patrino lin vokis (aŭ: Vokate de la patrino), la knabo obeeme alkuris.

**Oficiala sciigo de HES.**

Ni atentigas la membrojn, ke ili sendu ĉian korespondaĵon al la ĉefsekretario D-ro Josefo Takács, Budapest IV, Váczi-utca 8. I. Telefono 237-61. Pri kunvenejo en Budapest ankoraŭ ne estas decido.

**Ĝeneralkunsido.** Por la laŭstatuta jara ĝeneralkunsido okazonta en Budapest oni sendu kiel eble plej baldaŭ proponojn kaj raportojn. Precizan daton ni sciigos aparte.





# Anoncetoj.

(Klarigoj: L = leteroj, PK = poŝtkartoj, PI = poŝtkartoj ilustritaj, PM = poŝtmarkoj, MB = monbiletoj, kĉl. = kun ĉiuj landoj, pĉt. = pri ĉiuj temoj, bfl. = [Poŝtmarko] bildflanke.)

**Danko.** Mi tre dankas al ĉiuj miaj korespondintoj por ilia ĝisnuna korespondskribado. Kun granda bedaŭro mi sciigas ilin, ke pro gravegaj kaŭzoj mi estas devigata ĉesigi nian korespondadon. Pardonu! **Mozeo Mazur**, Warszawa, Polujo.

**Filatelistoj atentu!** Mi serĉas interŝanĝon kĉl. Por 75 diversaj PM mi sendos 100 diversajn de Germanujo, por 100—150, por 150—200 kaj por 200—225. Hilger Becker, Grefrath b. Köln, Germanujo.

Du junaj instruistoj intencas vojaĝi per padelŝipeto sur la Danubo de Regensburg ĝis Wien. Ĉu ekzistas esperantistoj, kiuj povus gastigi nin en la venonta grandferio? Ni vojaĝos de 24. 7. ĝis 13. 8. Ni petas sendi leterojn konsentajn al Walter Birke, Flöha, Hauptstr. 17, Germanujo.

Kvar samideaninoj deziras korespondadi kun la tuta mondo per PI. Certe respondos. Adele Heidinger, Krems a. d. D., Wienerstr. W. 21, Aŭstrio.

S-ro Josef Siml, Wien III, Hohlweggasse 40,2, 42, Aŭstrio, deziras korespondadi kĉl. Nepre respondos.

Mi deziras korespondadi kun gesamideanoj ĉiulandaj per PI kaj L kaj interŝanĝi PM. Dezideriu Végh, Debreczen, Honvéd u. 40, Hungarujo.

La esperanta klaŝo de la „Luisen"-lernejo petas unufojan kartsaluton. Respondo okazos. Sendu al: Rudolf Heber, Chemnitz, Riessnerstr. 10, Germanujo.

Verlag und Druck (Eldonejo kaj Presejo): Gebr. Jung, G. m. b. H., Horrem bei Köln. Verantw. Schriftleiter (Respondeca Redaktoro): Teo Jung, Horrem bei Köln.